XIVª jaro. Nº 220 (12) ☆ Monata ☆ Decembro 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj
*Svisa poštĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0. 50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0. 40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0. 50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %: 12 enpresoj 25 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



NUNTEMPAĴOJ

## LA FUNDAMENTO DE INTERŜTATA LIGO

La problemo de la Interŝtata Ligo pripensiĝas nuntempe la plej bonajn kapojn en ĉiuj landoj, militantaj kaj neŭtralaj. Jam malnovtempe la historio montras al ni tiun ĉi celadon. Sed nur la aktuala skuegado verŝis veran lumon sur tiun ĉi problemon kaj naskigis la decidemon, sen kiu nenia sukceso estas ebla. Oni volonte legas nun la gvidantajn verkojn pri la interŝtata akordiĝo por malhelpi la militeksplodon.

La okazintaĵoj, el kiuj devenis la tutmonda milito, instruis la necesan sperton. Do oni volas enkonduki la pacifistan metodon de prokrasta traktado de la interŝtataj konfliktoj per reciproka sindevigo. Oni lernis kompreni, ke la surpriza militdeklaro, havinta tiom gravan signifon ĉe la ĝisnuna metodo de la sole permilitista pacgarantio, devis eksplodigi militojn, antaŭ la elĉerpo de ĉiuj rimedoj por eviti ilin.

Tial, la nun reganta doktrino celas krei instituciojn, por devigi la ŝtatojn al la uzado de la procedo de bonaj servoj, de pacperado, de arbitracio, kiu en la ĝisnuna praktiko de la internacia juro estis nur rekomendata. Tiu ĉi devigo povos esti altrudata per Interŝtata Ligo, kiu bojkotos la ŝtaton ekmilitintan senatente al la institucioj por pacgardado, organizitaj de la Ligo.

Ankaŭ en la estontaj rilatoj inter la popoloj oni devas allasi la uzadon de la perforto, sed ĝi prezentos tute alian karakteron, ol antaŭe, ĉar ĝi estos jure pravigita. Oni havos ankaŭ multe malpli da ŝancoj eksplodigi militon. Se oni estus posedinta tiaspecan organizon jam somere de 1914, la katastrofo plej terura, kiun iam vidis la homaro, povus verŝajne esti evitita. Tamen ŝajnas al mi, ke per nura ellaboro de la internacia juro, sole per formala sindevigo de la ŝtatoj, la milito ne povos esti forigata el la mondo. Nuraj jurinstitucioj ne povas garantii fidindan protekton dum la kritikaj momentoj, kiam eĉ la plej progresintaj ŝtatoj konsideras sin prave devigataj limigi la rajtojn de la civitanoj kaj rompi la ŝtatajn leĝojn. Ĉu ekzistos tiam garantio pri tio, ke internaciaj kontraktoj, tiom specialaj, estos severe observataj?

Antaŭrimedoj por malhelpi militeksplodon devas celi la plej komplikajn konfliktojn. Konfliktoj malpli komplikaj povis esti pace solvataj jam antaŭ tiu ĉi milito. La konstatoj, kiujn komprenigis la militego, superinta ĉiujn atendojn kaj kalkulojn, faciligos en la estonto la pacan solvon de la internaciaj disputoj. Oni bezonos do la protektrimedojn kontraŭ la milito nur por la plej komplikaj konfliktoj, kiam la politika scienco de la registaroj ne vidos plu alian rimedon. Sed neniu konflikto per si mem estas vere nesolvebla. Ĉe la situacio, kreata de la interŝtata anarkio, povas sin montri cirkonstancoj, kiuj, pro timo aŭ intenco, aperigas ĉiun konflikton kiel komplika kaj minaca. En la realeco ĉiuj disputaĵoj kondukintaj al militoj montriĝas sendanĝeraj, aparte de la situacio, kiu ilin naskis, ĉe posta esploro de la faktoj. Ili vidigas, ke efektive, kun iom da bonvolo, oni estus povinta solvi ilin pace, ĉar ĝenerale oni ekmilitas ne por solvi la akriĝintan konflikton: pli ĝustadire, ĝi estas nur la ekstera kaŭzo aŭ deca preteksto.

La amerika ŝtatisto Elihu Root prave diris iam: „Ekzistas neniaj internaciaj konfliktoj, kiuj estas tiom seriozaj, ke ili ne povus esti pace solvataj, se ambaŭ partioj efektive dezirus pacan solvon, dum ekzistas nur malmultaj disputaferoj, kiuj estus tiom senvaloraj, ke ili ne povus okazigi militon, se ambaŭ partioj efektive ĝin dezirus. La disputobjektoj inter la popoloj per si mem signifas nenion, ĉio dependas de la spirito, en kiu oni ilin traktas.“ Ĝi estas malgaja vero, tamen konsiderota. Estus tro malfrue atenti la konflikton kaj voli solvi ĝin per raciaj antaŭrimedoj, se ĝi minacas jam la pacon. Tiam, kiel ĝi okazis somere de 1914, la tiel nomataj militistaj necesaĵoj malhelpus ĉiujn raciajn pacprovojn. Ankaŭ la supozata kontraŭstaro de la Interŝtata Ligo malmulte utilus tiuokaze. Ĉar se oni konservas kun la malnovaj militistaj metodoj la malnovan diplomation, tiam ŝtatisto, kiu opinias servi al sia ŝtato nur per uzado de perforto kaj kiu

pro tio aperigos konflikton kiel grava, nepre faros la necesajn intrigojn por ebligi la perfidon al la Interŝtata Ligo, por okazigi malkonkordon kaj sindetenon de la komuna agado, resume certakiri al si aktivajn alianculojn aŭ pasivajn neŭtralulojn. En la konvena momento, spite ĉiujn interpopolajn leĝojn, spite la devigan arbitracion, spite internacian pacigan konsilantaron, povas kreiĝi situacioj ekaperigontaj la militminacon, se la diplomatiaj metodoj restas la samaj kiel antaŭe, kaj se oni konservas la principon de surprizo por ekmiliti.

Se efektive oni deziras garantii la pacon, estas bezone priatenti la konflikton dum stadio, en kiu ĝi ne fariĝis ankoraŭ danĝerminaca, kiam ankoraŭ tute forestas la intenco solvi ĝin per milito. Sed tiacele sufiĉas nek la nura formala evoluo de la internacia juro, nek la nura kreo de juraj institucioj. Oni devas starigi ion pli garantian, ion, kio principe aliigas ĉiujn normalajn vivrilatojn de la ŝtatoj, ne nur la solvmanieron de la konflikto. La konflikto estas duagradaĵo. La plibonigitaj metodoj de la konfliktsolvo estas la tegmento de domo, kies fundamento kaj muroj unue devas esti jam firmigitaj. Ne konvenas esperi racian solvon de la konflikto, antaŭ ol la normala kunvivado de la ŝtatoj, ilia vivo transe de la konflikto, estos racie organizita. Jam antaŭ dek-ses jaroj mi atentigis pri tio, ke ne estas eble krei por ĉiuj interŝtataj disputaĵoj devenintaj el la hodiaŭa anarkio instituciojn aŭ leĝojn, kiuj sur la bazo de la juro kaj racio forigus el la mondo tiujn ĉi danĝerajn konfliktojn, minacantajn la vivon kaj ekziston de la ŝtatoj. Forigante la interŝtatan anarkion kaj anstataŭante ĝin per interŝtata ordo, reguliganta la normalajn vivkondiĉojn de la ŝtatoj — ordo, kiu garantias ilian ekziston kaj evoluon — oni povas doni al la konfliktoj alian karakteron, tiel ke ili povos esti solvataj per raciaj institucioj.

Mi ne neas la valoron de la juraj devigoj solide starigitaj; ili povas altgrade akceli la evoluon de vivorganizaĵo. Sed tiu ĉi verko de la internacia juro devas havi firman fundamenton per fondo de la Interŝtata Asocio, por povi agi en la decida momento. Ĉar sole tia Asocio naskos la internacian juron kaj garantios ĝian povon. Sole tia Interŝtata Asocio estigos la necesan konfidon, kiu diskreditigos la nuran vidpunkton de la potenco; ĝi estigos la komprenon de la fakto, ke la paco neniam povas esti arbitra afero de iu aparta ŝtato, sed komuna afero de ĉiuj ŝtatoj, simile al la ĉesigo de la epidemioj, neniam garantiebla per arbitraj procedoj de privatuloj.

La organizo de la interŝtataj vivrilatoj forigos tamen la anarkian ideon pri laŭvola atakrajto de kiu ajn ŝtato, eĉ je malprofito de ĉiuj aliaj. Sed la nova memlimigo de la potenco montriĝos vere profita, nur se oni observas la principon, sur kiu estas bazita organizo, nome: Anstataŭo de la arbitra potenco per devoj kontraŭ la aliaj.

Sole la kreo de tia komuninteresa kunvivado de la ŝtatoj povos garantii la fundamenton de ĉiu socio, la sekuran ekziston kaj la vivdisvolviĝon de la apartaj ŝtatoj; ĝi senigos la konfliktojn je la danĝereco, kiu estas propra al ili en la anarkio de la interŝtata vivo. Sole, dank' al la Asocio, la konfliktoj ŝajnos povi esti solveblaj per raciaj rimedoj. Ĉe tia radikala aliiĝo de la interŝtata kunvivado, la diplomatio kaj la militistaro — faktoroj de la ŝtata aferkondukado — havos alian taskon kaj alian spiriton ol ĝis nun. La malnovaj metodoj de intrigo kaj la surpriza atako estos neaplikeblaj.

Sed kiamaniere atingi tian fundamentan Asocion de la Ŝtatoj? Ĉe la nuna spektaklo ĉiu provo ŝajnas senespera. Tamen mi kredas, ke oni ne devas konsterniĝi pro la teruraĵoj kaŭzitaj de la milito. Ĝuste tiu ĉi terura militsperto, precipe ĝiaj efikoj sur la vivon de ĉiuj partoprenantaj popoloj, nur rapidigos la formadon de la Interŝtata Ligo: tiu ĉi formado komencis ja sian aŭtomatan disvolvon jam antaŭ la milito. La vivo prezentos ankaŭ ĉi tie siajn rajtojn, kaj oni havos naturan instigon formi la Interŝtatan Ligon.

Ni diru pli klare: la Interŝtata Ligo ne devas esti tutmonda ŝtato, kiu senigus la ŝtatojn je ilia originaleco kaj aparteco. Ni povas ĝin krei, nur se ni konsideras la ekzistantan, sole dank' al kompreno de la vivaspiroj kaj kreado de favoraj kondiĉoj por ilia iom-post-ioma disvolvo. Antaŭe mi proponis Ligon de Eŭropaj Ŝtatoj, kiel fundamenton de pacorganizo. La milito instruis, ke la tutmonda interdependeco estas jam tiom forta, ke ne plu sufiĉas organizi sole unu mondparton. Ŝajnas al mi, ke ĉe paciĝo oni devas pensi pri Tutmonda Ligo: ĝi estas sufiĉe preparita, por ke oni ĝin starigu, firmigu kaj evoluigu.

Tiu ĉi Tutmonda Ligo estas preparita per aro da internaciaj parte universalaj unuiĝoj kaj interkonsentoj, kaj montris jam la tendencon al la komuna kunvivado de la ŝtatoj. Tiuj ĉi unuiĝoj kaj interkonsentoj plejparte konserviĝis ankaŭ dum la milito; oni devas plifortigi kaj alcentrigi tion. Plivastigante la jam ekzistantajn organojn, oni devas starigi daŭrajn internaciajn Centrajn Oficejojn por la tutmonda interkomunikiĝo, la komercaj interrilatoj, la institucioj de juro, higieno, morpolico, sociala prizorgado, agronomio, scienca kooperado, edukado kaj ĝenerala moraleco. La tiamaniere aperonta Tutmonda Ligo devos ankaŭ preni sur sin la taskon venki per kolektivaj antaŭrimedoj la materiajn same kiel la spiritajn barojn, postlasotajn de la militego.

Plie oni devas plej energie batali kontraŭ la malamo. Kompreneble, post la militfino, oni eltiros la minojn el la maroj por ebligi la interkomunikon. Sed estas same kompreneble, ke la minoj de malamo, ankoraŭ pli danĝeraj por la interrilato, devos esti ankaŭ forigitaj. Tiamaniere, sin apogante sur la jam ekzistantaj asocioj, povos esti kreita Tutmonda Ligo, kiu reguligos la normalajn vivrilatojn, kiu iom post iom kondukos de la ŝtata anarkio al Interŝtata Ligo: sole ĝi povos aliigi la karakteron de konfliktoj per raciaj leĝoj kaj juraj institucioj. Tiam neniu konflikto plu minacos konduki al milito, ĉar la tendenco, kiu igis ĝin danĝera, formortos en la daŭro de la tempo, kaj ĉar la fortoj, uzitaj por subteni tiun ĉi tendencon, estos aplikataj al pli utilaj taskoj

*D-ro Alfred H. Fried.*
Trad.: *A. Ŝ.*

 SOCIA VIVO 

## Pri Estujo[1]

Estujo, preskaŭ nekonata ĝis nun, estas negranda malnova rusa gubernio, limigita de la Finnlanda-golfo, Riga-golfo, Livonio kaj Petrograda gubernio. Ĝi konsistas el la plej norda parto de la baltaj provincoj, el la orienta parto de Livonio ĝis la linio Izborsk, Walk kaj la rivero Salis. Tie ĉi apartenas ankaŭ la najbaraj insuloj Oesel, Dago, Moon, k. t. p. kaj grandaj kolonioj de Ingrio aŭ Ingermanlando, tiamaniere, ke la estoj okupas preskaŭ la tutan landon de la ĉirkaŭaĵoj de Pskov ĝis la antaŭurboj de Petrogrado, ĉirkaŭ 20,248 km². La nombro de la loĝantoj atingas preskaŭ unu milionon, el kiu la estoj formas 90 %, la germana elemento ne superas 5 % kaj la resto estas rusa.

[1] Laŭ skribaĵoj de G.-B. de Montbrand. k. a.

La estoj estas popolo de turana deveno, de ugro-tatara raso, parenca al la finnoj, hungaroj, turkoj kaj tataroj de Volga, Krimeo kaj Uralo. Ili havas ankaŭ verŝajne ian parencecon kun la mongoloj kaj japanoj, kvankam fizike ili neniel similas al la tataraj rasoj. La estoj nomas sian patrujon *Wiromaa* (apudlima lando) aŭ *Estimaa* (nia tero).

Oni kredas, ke la turanaj bandoj, puŝitaj de la mongoloj kaj de aliaj barbaraj popoloj, invadis sian nunan landon ĉirkaŭ unu jarcento antaŭ Kristo. Ili restis tie sendependaj dum pli ol mil jaroj, meze de furiozaj luktoj. Oni scias, ke en la XIIa jarcento estis predikata krucmilito kontraŭ la idolanoj de la marbordoj, kaj ke la papo benis la militantojn kiuj ekstermis tiujn nekredulojn.

La teŭtonaj kavaliroj kaj la glavportantoj akiris la landon kaj kun krueleco ili altrudis la kristanan religion al la loĝantoj. La teŭtona ordeno kaj tiu de la glavportantoj fandiĝis, sed la sorto de la popolo ne pliboniĝis: ĝi fariĝis servuta, ligita al la pluga kampo.

Dum la Reformo, la ĉefoj de la ordenoj rapidis konfiski la eklezia jn bienojn kaj sin proklami laŭleĝaj mastroj de la teroj kiuj apartenis al la kavaliroj. La sola progreso kiu rimarkiĝis en la lando estis, ke la vilaĝanoj kiel siaj mastroj devis fariĝi luteranoj.

Ĝis la sveda okupo, la stato de la estoj estis tiu de la usonaj sklavoj. Neniam la nobeloj faris ion por instrui siajn sklavojn. Estujo sin donis libere al la sveda-finna Ŝtato en la XVIa jarcento. La regado de Svedujo estis bonfara. La sveda periodo estas ankoraŭ konsiderata de la popolo kiel „ora epoko". La latifundioj fariĝis Ŝtataj bienoj, kaj la lernejoj havis tiel grandan sukceson, ke en 1698 preskaŭ ĉiuj plenaĝuloj sciis legi. Interalie estis fondita la universitato de Dorpat (nuntempe Juriev). La lando ĝuis fruktoportan pacon, kiu permesis ripari la ruinojn kaŭzitajn de la jarcentoj da oftaj militoj. La rusa konkero venigis plialtigon de la suferoj. La sklaveco estis restarigata. La nobeloj administris ne nur la baltajn provincojn, sed la tutan imperion, kaj fera mano dispremis ĉiun emon al progreso, malgraŭ la belaj paroloj de la imperiestrino Katerino IIa. Tiu ĉi malluma epoko daŭris ĝis 1817, jaro en kiu Aleksandro IIa liberigis la sklavojn, kvankam ĝi estis nova trompo. La estoj, kiel la letoj, kiuj kulturis la teron de siaj praavoj, estis simple deklaritaj „liberaj", sed ili posedis nenion, eĉ ne unu colon da tero, kaj havis nenian rimedon de ekzisto, krom lui terajojn ĉe la nobeloj je plej troigitaj prezoj.

Post 1817 estis malpermesite al la liberaj vilaĝanoj forlasi sian vilaĝon, tiamaniere ke neniu povis rifuzi sin submeti al la terprezoj fiksitaj de la baronoj, kiuj estis ĉiam la absolutaj mastroj. La malsato devigis la vilaĝanojn, de post la dua deko de XIXa jarcento (1820—1830) ribeli, kaj tiuj tumultoj renoviĝis plurfoje ĝis 1860. La nobeloj estis devigataj cedi iom; tamen iliaj cedoj ne koncernis la tutan loĝantaron, sed kondukis nur al la formiĝo de privilegia klaso, la vilaĝanoj posedantoj de farmoj. Oni vidis tiam grandajn farmojn; la farmistoj riĉiĝis, dum la resto de la loĝantaro trovis neniun alian vivrimedon ol ludoni sian laboron aŭ iri en la urbon, kie formiĝis la urba proletariaro.

Al la mizero sin aldonis la religia persekuto. En 1841, la registaro de Nikolao Ia faris ĉion por konverti al ortodoksismo la estajn kaj letajn protestantojn. Oni promesis al ili ĉiuspecajn avantaĝojn, sed apenaŭ aliĝintaj al la oficiala Eklezio, ili estis forlasataj kaj neniu el la promesoj estis tenata. En 1861, ĉe la liberigo de la rusaj sklavoj, la estaj vilaĝanoj ricevis la rajton aĉeti terojn; nur de tiu ĉi momento komenciĝas la intelekta vivo de l' popolo kaj ĝiaj progresoj. Tuj la deziro al instruiĝo forte montriĝis, la tuta lando estis kvazaŭ transformita. La malnova sklavigita popolo relevis la kapon kaj postulis sian lokon sub la suno.

Sed la religiaj persekutoj rekomenciĝis sub Aleksandro IIa kaj ĉesis nur dum la revolucio de 1905. Tiu ĉi estis entuziasme akceptita de la estoj, same kiel de la letoj, sed la reakcio estis terura. La malmultaj rajtoj konsentitaj al la estoj por la balotoj de la Duma estis forprenataj. La revenĝoj estis sangaj, la popolo estis plu nenio, sed la espero restis en la fundo de la koroj. La lernejoj estis rusigataj kaj ekscesa rusigado komenciĝis. Oni forigis la estajn societojn, oni malpermesis la gazetojn, la esta lingvo estis persekutata.

* * *

La esta lingvo apartenas al la finna grupo kaj estas riĉa je vokaloj; ĝi estas unu el la plej mildaj de Eŭropo; oni ne trovas gorĝajn aŭ palatajn sonojn, tiel oftajn en la germana kaj eĉ en la rusa lingvo. Ĝi estas tre kanta.

La esta literaturo estas eble malpli riĉa ol la leta, sed ĝi posedas epopean poemon, la „Kalevipoeg", tiel rimarkindan kiel la „Kalevala" de la finnoj. Kiel la letoj, la estoj havas tradician literaturon ekstreme riĉan. Ekz. S-ro J. Hurt kolektis 40,500 popolkantojn, 8509 rakontojn, 75,000 proverbojn, 37,000 enigmojn k. t. p.

La unua grava literaturisto estis la pastro G. Muller († 1608), kiu lasis serion de romanoj, publikigitaj nur en 1899. Heinrich Stahl (1600—1657), gramatikisto, forjetante la popolan lingvon, kreis literaturan, malfeliĉe alprenitan ĝis la fino de la XVIIa jarcento. Poste, Rossinhius tradukis la luteranan katehismon, Gutslaff la Biblion (1056), kaj Hormung (1664—1715) alprenis la popolan lingvon kaj skribis belegan gramatikon.

De post la fino de la XVIIIa jarcento, la influo de Francujo sentiĝas, la junuloj alportas el Parizo ideojn de libereco. H. Arvelius (1753—1805) priskribas la morojn, W.-L. von Luce (1750—1879) kolektas la tradiciajn verkojn kaj la folkloron; Rosenplänter (1782—1846), jurnalisto, estas ĉirkaŭata de aro da junaj talentoj; O.-W. Masing (1763—1832) publikigas la *Maarahwa Nädalaleht*, unua kampa ĉiusemajna gazeto. Kristian-Jack-Peterson (1801—1822) estas la unua el la poetoj individualistaj.

Ĝis la mezo de la XIXa jarcento la verkistoj estis de germana raso, ĉar la sklavoj ne havis la eblecon instrui siajn infanojn; post 1861, la estoj mem povis plivastigi sian literaturon. Fr. Fühlmann (1798—1850) rekonstruas la kosmogonion kaj la mitologion de la idolanaj estoj. La plej granda verkisto de tiu ĉi epoko, kiun oni povas vicigi kun la plej grandaj poetoj de Eŭropo, estas Frederic Reinbold Kreutzwald, aŭtoro de la epopeo *Kalevipoeg*, kiu estis publikigita en 1862 kaj akiris universalan famon. Tiu ĉi granda poemo estas tradukita en multaj fremdaj lingvoj kaj estas analizita en centoj da artikoloj kaj libroj en la ĉefaj literaturaj lingvoj de l' mondo. Ĉiuj aŭtoroj entuziasmiĝis por tiu verko, kiun oni komparis al Iliado kaj Odiseo. Tiu ĉi epopeo rakontas la vivon kaj legendajn heroaĵojn de reĝo de Estujo, Kalevipoeg, kiu vivis en la XIIa jarcento. Estas priskribo de luktoj kontraŭ la malamikoj kaj kontraŭ misteraj fortoj, de klopodoj, kiujn la reĝo faras por la bono de sia popolo, fine lia perdiĝo sekve de kelkaj eraroj de li faritaj. La apero de tiu ĉi poemo estis kvazaŭ rivelo de la poeta genio de l' esta popolo. Samtempe ĝi montris, ke la estoj revekiĝis al nacia konscio. Kreutzwald skribis ankaŭ novelojn, teatraĵojn, rakontojn por infanoj, sed nur lia postmorta poemo *Lembitu* havis grandan sukceson. Nur dank' al la influo de Kalevipoeg oni povas kompreni la ideojn de la fama poetino Koidula, granda verkistino, kiu okupas la unuan lokon inter la aŭtorinoj pro la profundeco de la pensoj, la viveco de la amo al la homaro. Ŝiaj poeziaĵoj, kiuj prikantas la malgajan sorton de la estoj en la pasinteco, la dolorojn, la mizeron de la tuta popolo, ne havas egalajn en la esta

lingvo, kvankam ĝi estis imitata de multnombraj aŭtoroj. Ŝia patro, Johann-Waldemar Jannsen (1819—1890) estas la fondinto de la unua esta revuo (de post 1857) kaj liaj verkoj konsistas precipe el noveloj, malgrandaj romanoj, rakontoj. La unua serioza politika publicisto estas Jacobson (1841—1882), redaktoro de la jurnalo *Sakala*. Oni ne devas forgesi Liiw, kies verkoj estas trapenetritaj de malhela pesimismo. Eduard Wilde (nask. 1865) suferas de malzorgo pro rapideco ĉe la verkado, sed li korektiĝas precipe en sia verko *Külmale maale* (en malvarma lando), kie oni vidas la moralan falon de honesta vilaĝano, kiun la bezono, la medioj difektas iom post iom, kaj kiu fine estas kondamnata al forpelo en Siberion. Reiman (nask. 1861) estas specialisto de la esta literaturo; li publikigis multajn malnovajn skribojn, el kiuj kelkaj estas tre rimarkindaj. De la popolkantoj estas kolektita grandega kvanto kaj estas publikigitaj ekz. la *Kantoj de la Setukesoj*[1] en 2000 paĝoj je 2 kolonoj.

La fino de la XIXa jarcento ne estas tre rimarkinda el literatura vidpunkto, sed la nombro de la verkistoj kreskas rapide. La persekutoj kontraŭ la lingvo disvastigis profundan pesimismon en la literaturo. Citindaj estas Tamns (1861—1907), lerta tradukanto de rusaj kaj fremdlandaj poetoj, Sööt (nask. 1862), kiu en siaj versoj priskribas la mizeran situacion de la vilaĝano, malfeliĉa viktimo de l' manko de tero, Anna Hawa (nask. 1864), kiu vidas nenion feliĉan en la vivo ol siajn infanajn jarojn.

Post la revolucio de 1905 la nacia ideo malkovriĝis pli kaj pli en la cerboj. La literaturo ne estis malatentata, falango de junuloj sin konigis. Oni povus citi inter la plej naturdotitaj Tuglas (Michelson), eminenta romanisto kaj rimarkinda kritikisto, kun nomo tre populara, kies plej bela verko ĝis nun estas *Zumala Saar* (Insulo de Dio), simbolista romano kun riĉa kaj eleganta lingvo, Gustav Suits kaj V. Ridala, poetoj simbolistaj. La teatro estas reprezentata precipe de Kitzberg kies plej sukcesintaj dramoj estas *Tuulte Pöörises* kaj *Libahunt*. De post 1908 la esta literatura societo publikigas revuon titolitan *Esti Kurjandus* (Esta Literaturo) dediĉitan precipe al la studo de la esta lingvo, folkloro kaj historio de la literaturo. La milito interrompis la literaturan fervoregon de la estoj, sed ĝi refloros.

* * *

Estujo estas lando de sabloplenaj aŭ ŝtonhavaj, malmulte fruktodonaj ebenaĵoj; melankolia, malvarma kaj malseka regiono, kaŭze de la maro kaj de la multego da lagoj kaj marĉoj. Ĉefaj eksportaĵoj estas butero, fiŝo kaj ligno. La ĉefurbo estas Harria (Reval), la universitata urbo Tarto (Dorpat aŭ Juriev).

Ĉiuj vojaĝantoj kaj etnografoj rekonis ĉe la estoj grandajn ecojn. Ili estas ekstreme energiaj, entreprenemaj, ŝparemaj. Ili sciis transformi la preskaŭ senkreskan teron en grundon fruktodonan. Malgraŭ la malgrava tavolo de kulturebla tero, kiu tute kovras la landon, ili kreskigis, per multe da pacienco kaj laboro, belajn rikoltojn. Ili estas certe la plej bonaj terlaboristoj de Rusujo kaj, en Petrogrado, la butero, la kampokulturaj produktoj de Estujo kaj de la estaj kolonioj vendiĝas multe pli kare ol la aliaj similaj produktoj. En la rusa komerca ŝiparo, la kapitanoj, la pilotoj, ĉiuj ŝipĉefoj estas preskaŭ ekskluzive estoj, la simplaj maristoj estas rusoj. Ĉie oni rekonas la superan inteligentecon de la loĝantoj de la suda flanko de la Finnlanda-golfo. La anglo Wahl diras, ke la esto estas ĝenerale serioza, sed mallerta, malfidema al la fremduloj, malmulte ŝercema, pacienca, flegma, sed kun elprovita kuraĝo.

De post kiam ili povis labori por si mem, la estoj faris mirindajn ekonomiajn progresojn. La popolo amasigis monrimedojn kaj aĉetis la terojn de la nobeloj. Nun jam 40 % de la tero pasis en la manojn de la laboristoj kaj, sen la milito, la proporcio estus ankoraŭ pli granda.

La estoj, kiel la letoj kaj finnoj, havas nur malmulte da analfabetuloj; nun oni kalkulas 85 % de personoj sciantaj legi kaj skribi (inter la virinoj estas 95 %).

Estujo ŝajnas momente multe malpli en interkonsento kun si mem rilate al sia estonteco ol Finnlando. Du fluoj tie estas kontraŭaj. Estas farata aktiva propagando favore al la respublika ideo, samtempe favore al alianco inter Estujo kaj Finnlando. La esta Dieto, kunvokita lastatempe, aklamis la plenan aŭtonomion de la lando interne de la rusa demokratia kaj federa respubliko.

La esta popolo, gardante netuŝita sian fidon, persistas kredi, ke kiam sonos la horo de la justeco, oni ne forgesos ĝin kaj donos la lokon ŝuldatan al ĝi en la liberama Eŭropo. La principo de la naciecoj postulas tion, sed la devizo „unuiĝo faras forton“ ne devas esti forgesata.

*Ivan H. Krestanoff.*

[1] Estoj de la distrikto de Pskov.

---

## La solimposto en Kalifornio

Sendube, unu el la plej premegaj problemoj, kiujn la nuna milito prezentas al ni, estas tiu de la nutrado. Ne nur en la militantaj landoj mem sed ankaŭ en neŭtralaj landoj, mankas la kutimaj kvantoj de manĝaĵoj, — pro kio ne necese estas diri. Do, en ĉiu mondparto la popoloj estas devigataj ĉiamaniere produkti la maksimumon de grenoj, viandoj, fruktoj kaj legomoj, kaj ankaŭ uzi ilin kiel eble plej zorge por ke ne eĉ unu peceto da pano senutile malaperu. La averton pri minacanta malsato kaj pri la neceso por ŝparemo oni aŭdis tuj kiam komenciĝis la konflikto, kaj en la manĝoĉambro kaj kuirejo oni kutime sufiĉe atentis tiun necesegon. Ĉar la problemo koncernas la produktadon de nutraĵoj egale kun la uzo de ili, en preskaŭ ĉiuj landoj oni konsideris la aferon kiel agronomian problemon, kaj ĝenerale faris rimedojn por pliigi la elprodukton de la tero ĝis la maksimumo.

Sed la afero ne nur koncernas dommastrinojn kaj farmistojn. Precipe en tiuj landoj nun ne tute kulturitaj, kie vastaj regionoj de fruktodona tero ankoraŭ restas neuzitaj, la problemo ankaŭ prezentas ekonomian aspekton. Certe la spektaklo de tiuj neuzitaj kampoj kun la samtempa tutmonda malsato sufiĉas por doni seriozecon al niaj registaroj kaj parlamentoj!

La ĉi-supraj rimarkoj havas specialan aplikon al Usono. Unu el la plej vastaj, nature riĉaj regionoj en la respubliko estas Kalifornio. Laŭ la oficialaj statistikoj, el la 11,300,000 hektaroj de kulturebla tero la ŝtato enhavas almenaŭ 7,000,000 hektarojn neuzitajn! Kompreneble, pro tiu neuzo de la tero rezultas neokupo de laboristoj kaj produktebla kapitalo kaj tendenco al malriĉeco kaj malsato. Antaŭ kvar-kvin jaroj en Usono, kiam la komenco de la mondmilito vigligis la industriojn de la tuta lando kaj alvokis al altsalajra laboro, oni kredas, ĉiujn laboristojn, sin prezentis la spektaklo de multaj dekmiloj da neokupitaj, malsataj, malriĉiĝantaj homoj, dum vastaj areoj de fruktodona tero restis nekulturitaj. Sed tiu-ĉi fenomeno, kvankam nur ordinara, estas sendube nenormala.

Dum jam kelkaj jaroj la politika propagando por malfermi la kampojn al la kulturisto kaj do malakrigi la ĉiam premegan laborproblemon aŭdiĝis. La agitado sin

prezentis sub diversaj formoj kaj kun diversaj rimedoj. En Kalifornio, same kiel en aliaj usonaj ŝtatoj, la propono, kvankam radikala, kiu verŝajne ricevas la plej fortan subtenon, estas la tiel nomata „Solimposto“, unue proponita de la usona filozofo kaj ekonomiisto Henry George en „Progress and Poverty“ („Progreso kaj malriĉeco“) antaŭ kvardek jaroj. Laŭ tiu-ĉi sistemo, la ŝtato aŭ alia komunumo metu la impostojn nur je la tervaloro, — ne kontraŭ la laborproduktaĵoj, — tio estas, ke la posedanto de ĉiu terpeco aŭ en urbo aŭ en kamparo (ĉu tiu posedaĵo estas bone kulturita aŭ tute neuzita) pagu nenian imposton pro siaj konstruaĵoj aŭ aliaj kulturaĵoj, sed nur laŭ la valoro de la terpeco en ĝia natura stato. Oni ne povas nei, ke tiu valoro, tre alta en ĉiu dense homplena landparto, precipe en la urboj, estas kreita ne per la laboro de iu individua homo, sed nepre per socia, tutkomunuma industrio kaj aktiveco. Do, la solimpostanoj celas, ke tiu valoro, la „socia gajno“, revenu al la ŝtata kaso anstataŭ resti en privataj poŝoj. Ili asertas, ke ĝi efike haltigus terspekulon, malfermus la kampojn por efektiva uzo, vokus al bone rekompencita laboro la nunajn nedungitojn, liverus abundan nutraĵon al la homaro kaj, per la sekva malpliigo de malriĉeco, solvus multajn sociajn kaj ekonomiajn problemojn.

En Kalifornio oni havas kompare facilan rimedon por meti la demandon al la voĉdonantoj. Tiu ŝtato estas unu el la multaj en Usono, en kiuj la civitanoj povas senpere fari ŝanĝojn en la leĝojn, eĉ en la fundamentan Konstitucion. Laŭ la sistemo de la „Initiative“, nun bone konata instrumento en kelkaj landoj (unue en Svisujo) por senparlamenta leĝfarado, la duan fojon en du jaroj la popolo de Kalifornio sukcese petis la registaron, ke la „solimposta konstitucia ŝanĝo“ estu solvata per popolvoĉdonado. Antaŭ du jaroj la propono estis unue antaŭmetita al la voĉdonantaro, sen ia longa agitado, brua reklamo aŭ ĵurnala subteno, — vere, la gazetoj ĝenerale malfavoris ĝin, — sed spite ĉio, la propono ricevis pli ol la trionon de la tuta voĉaro.

La nunan jaron, en novembro, la propono ree aperas kune kun aliaj oficiale petitaj leĝoŝanĝoj. Pro multaj kaŭzoj la propono havas, verŝajne, pli da ŝanco por sukceso. Unue, neniam antaŭe la problemo pri nutraĵo estis tiel akra, kaj due, leviĝas ankaŭ la demando pri la postmilita ekssoldato, kiamaniere lin reokupigi en industria stato jam radikale ŝanĝita? La pliigita intereso pri la neceso ion fari por uzi la ankoraŭ neuzitajn kampojn kaj urbajn domlokojn en la solvo de tiaj ekonomiaj problemoj evidentiĝas en la deklaroj de kelkaj kandidatoj por ŝtataj oficoj. Kvankam ili en kelkaj kazoj ne definitive aprobas la solimpostan programon mem, ili rigardas la situacion kiel serioza kaj sugestias almenaŭ aliajn solvojn, kiuj antaŭ la milito neniam aŭdiĝis. Kompreneble, oni ne kapablas profeti la rezulton de la agitado, sed la propagando pro sia radikaleco kaj la pretendoj de siaj proponantoj almenaŭ meritas nian seriozan atenton.

San Francisco (Kal.), la 12 aŭgusto 1918. *Henry W. Hetzel*, Del. Philadelphia.

---

## La vivo de komercoficistoj en Senegalo

Oficisto de franca kompanio en Okcidenta Afriko de la komenco de tiu ĉi milito, opiniante esti utila, se mi donus kelkajn informojn pri nia vivmaniero en Afriko, mi verkis tiun ĉi resumeton, esperante interesi la junulojn, kiuj deziras sin dungigi per kontrakto ĉe ia kompanio en Afriko.

Antaŭ ĉio sciu, ke en Okcidenta Afriko oni vivas aktivege, laborplene. La distraĵoj estas tiom maloftaj, ke ni ne povus elporti la vivon, se ni ne laborus plej diligente. La junulo, venanta el Eŭropo, tuj post la elŝipiĝo vidas, kiom ĉiu laboras, precipe se li venas dum la seka sezono, kiam fariĝas la plej grandaj negocoj en Okcidenta Afriko. La novelŝipiĝinto estas tre imponata, vidante kvantegon da negocproduktoj; se de la vaporŝipo li venas rekte en kontoron, li ne povas kredi siajn okulojn. Efektive milkilogramoj da arahisoj kaj aliaj produktoj sin interpremas ĉiutage en niaj tenejoj. Longaj rimenoj de kaŭĉuko, similaj al serpentegoj, sekiĝas sub la ombro de la baobaboj. Veraj montoj de vakso atendas la momenton de enkaldronigo, por fariĝi transformita en pargetvakson. Amasoj da bovledoj, metode dismetitaj, atendas la momenton esti eksportataj. Fine, ĉiuspecaj produktoj liverataj de la neelĉerpebla fonto, kia estas la franca Okcidenta Afriko.

Sed ni ne deflankiĝu de nia temo kaj parolu iom pri la ĉiutaga vivo de komerca oficisto.

De $5^1/_2$ h. matene la sonorilo eksonas. Ĝi pensigas nin pri la vastaj industriaj civitoj, la laboristaj aglomeraĵoj, kie la vivo marŝas, kvazaŭ kronometro plej preciza. Duondormaj, ankoraŭ duonkonsciaj post prema dormado, kiun oni konas nur sub la tropikoj, ni vestas nin rapide, ĉar nia ĉefo ne ŝercas pri la horoj. Je la sesa, la oficejoj malfermiĝas, kaj ĉiu, ne perdante la tempon, eklaboras. La absorba laboro, kiun ĉiu oficisto havas antaŭ si, devigas lian menson je konstanta vigla atento; tial la horoj pasas kun rapideco de flugmaŝino. En niaj kontoroj ĉiu havas laboron tre diferencan. Unuj sin okupas pri la produktoj, pri la tenejoj, pri la ŝiparo kaj pri la eksteraj aferoj ĝenerale, aliaj prizorgas la kontregistradon, la kason kaj la komercaĵojn. La eŭropa personaro devas labori ĉe kvar fakoj: kontregistrado, komercaĵoj, naturaĵoj, eksteraj aferoj.

Tagmezo! Nia spirado senpeziĝas, kaj ni supreniras por fari iom da tualeto antaŭ ol ĉetabliĝi. Ni manĝas ĉiuj kune, kvazaŭ en kolegia manĝejo, sed ni ne estas plu kolegianoj, kaj agrabla interparolado gajigas nian manĝon. Ni manĝas relative rapide, ĉar ni ŝatas iom dormi post la tagmanĝo, antaŭ ol rekomenci la laboron. La komencantaj kolonianoj preferas ofte babili anstataŭ ripozi; novalvenintaj el Eŭropo, ili ne havas ankoraŭ sanon difektitan de klimato malsaniga. Sed iom post iom, kiam kelkaj jaroj da restado ĉe afrika marbordo anemiis tiujn ĉi junajn pionirojn, ili imitas la malnovulojn kaj ŝatas ĝuadi la agrablon de ioma postmanĝa dormo.

2ª horo: Denove eksonas la sonorilo, ĉiu troviĝas ĉe sia posteno. La homa abelujo zumadas, interrompata de de tempo al tempo per laŭtegaj ordonoj, farataj de la fakestroj. La posttagmezo ŝajnas senfina, la varmego, sufoka jam de la tagmezo, malebligas nin esti atentplena je nia laboro, kaj la tempo ŝajnas al ni tiom longa, ke ni ne povas kontraŭstari la tenton rigardi nian horloĝeton preskaŭ ĉiukvinminute.

Fine 6ª horo! Ĉio kvietiĝas. Ĉiu, ne perdante la tempon, supreniras sian ĉambron kaj ŝanĝas sian tolaĵon, memkompreneble, preninte antaŭe bonan duŝon, kiu refreŝigas la menson same kiel la korpon, ĉar Eŭropano bezonas la plej rigoran higienan por bone farti en kolonio. Iom post iom ĉiuj kunvenas kaj formiĝas grupoj: unuj ekludas laŭntenison, aliaj bilardon. La kvietamantoj prenas libron kaj instaliĝas ĉe la plej freŝa loko de la verando. El tio vi povas vidi, ke, spite ĉion, ni ne estas tro malfeliĉaj.

La malnovuloj prenas ofte alkoholaĵeton, sed ili sin tenas preskaŭ ĉiam aparte, ĉar la Kompanio ne ŝatas tiun ĉi ekzemplon, danĝeran por la junuloj. Okazas ofte, ke junuloj, havintaj kutimon en Eŭropo viziti la kafejojn, veninte sur la afrikan marbordon, daŭrigas sekvi sian pereigan inklinon, kaj post kelkaj jaroj ili estas plene konsumiĝintaj. Iujn kaptas galmalsano kun hematurio, kiu post kelkaj horoj forsendas ilin al la lando de eterna ĉasado, kiel

diras la Indianoj. Feliĉe, tiuj ĉi kazoj estas tre maloftaj nuntempe. Do ni preferas plene abstini de la alkoholaĵoj.

— Je 7½ h. precize la „boy" frapas la tamtamon, kaj ni altabliĝas. La vespera manĝo estas pli interesa ol la tagmeza, sincera kamaradhumoro gajigas ĉiujn kunmanĝantojn kaj la interparolado estas multe pli amika. Vi prave supozas, ke ĝi rezultas el tio, ke ni ne plu maltrankviliĝas pri la laboro, kaj sekve povas diskutadi laŭ nia plaĉo ĝis 9a aŭ 10a horo. Tamen, oni preferas kuŝiĝi frue, ĉar la laciga laboro postulas longan ripozon.

La semajno pasas monotone. La senpacience atendata dimanĉo venas fine, kaj ni organizas plezurajn ekskursojn tra la dornarbetaĵaro. Unuj preferas ĉasi, aliaj iras viziti ian indiĝenan vilaĝon aŭ sin okupas per fotografado. Ĉiu sin distras laŭ sia kompreno. Tre ofte ni estas superŝarĝitaj de laboro, kaj ni profitas nian dimanĉon por tutfini la prokrastitan. Tio okazas tre ofte dum la seka plej aktiva sezono. Sed ni ne plendas pri nia sorto, ĉar ni enuegus, se ni ne tiom laborus.

Tiamaniere pasas la tempo kaj iras la vivo en Okcidenta Afriko. Seriozaj junuloj venontaj Afrikon kun firma intenco atingi ion, nepre atentos al mia priskribo. Tiu ĉi vivo ŝajnos eble iom severmora, sed, feliĉe, ĝi estas agrabligata de festoj kaj plej ofte per la alveno de vaporŝipoj el Eŭropo, kiuj alportas freŝajn novaĵojn kaj nutroproduktojn, je kiuj ni estas senigitaj kelkafoje plurajn monatojn. La plej granda plezuro por juna ekziliĝinto estas ricevi sian korespondaĵon. Li kuras al la poŝtoficejo kaj tie agitiĝe atendas la momenton, kiam la poŝtoficisto donos al li lian poŝtaĵaron. Malfeliĉe, ekzistas junuloj, kiuj nenion ricevas: ilia korespondaĵo estis haltigita per ia akcidento aŭ ili havas nur kelkajn parencojn, nemulte interesiĝantajn pri ili. Tiam malluma enuo kaptas ilin, la terura enuo, kiun oni vere konas nur estante malproksime de sia lando: forlasante siajn kolegojn, ili tenas sin aparte, koleraj kontraŭ la malbona sorto, kiu ŝajnas persekuti ilin, kontraŭ iliaj amikoj, kontraŭ ĉiu. Ili estas kompatindaj! Tial ni preferas legi nian leteraron ĉiu en sia ĉambro, por ke la forgesito ne vidu nian ĝojon. La enuo je la patrujo multe malfeliĉigas la junulojn novalvenintajn kaj iafoje plene neebligas la karieron de nova koloniano.

*Ed. Moret.*
Trad.: *A. Ŝ.*

 LITERATURO 

# Nuncia

Napolana rakonto de **Maksim Gorki**

— Kial vi parolas tiel? demandis la patrino, mallevinte siajn okulojn kulpe, ĉar ŝi tre bone sciis, kial ŝia filino parolas tiel: ĝi koncernis Borbon'on.

Henriko Borbon estis irinta en Aŭstralio; li estis lignoseganto en tiu ĉarma lando, en kiu ĉiuj irintaj en ĝi facile gajnas multe da mono. Reveninta por varmiĝi ĉe la suno de sia patrolando, li intencis forveturi ree tien, ĉar pli facile li vivis. Li estis tridekses-jara. Sana, gaja kaj amuza, li rakontis belajn historiojn pri sia vivo kaj aventuroj en la profundaj aŭstraliaj arbaroj. Ĉiuj trovis, ke tio estas nur fabeloj; nur la patrino kaj la filino kredis lin.

— Mi vidas, ke mi plaĉas al Henriko, respondis Nina, kaj vi amuziĝas kun li; li ne plu pensas pri seriozaj aferoj, kaj tio ĉi estas je mia malprofito . . .

— Mi komprenas, diris Nuncia. Bone, vi ne rajtos plu plendi al la Madono kontraŭ via patrino . . .

Kaj tiu virino volonte rifuziĝis de la homo, kiu — eĉ ĉiuj vidis — plaĉis al ŝi pli ol ĉiuj aliaj.

Oni scias, tamen, ke la facilaj venkoj faras la venkintojn pli arogantaj; kaj se, krom tio, la venkinto estas ankoraŭ tre juna, la aferoj malbone turnas. Nina ekparolis ironie pri sia patrino, ne havante motivon por tio. Kaj en la festotago Sankta-Jako, la festo de nia kvartalo, kiam ĉiuj estis kaptitaj de gaja humoro kaj Nuncia dancis mirinde la tarantelon [1], ŝia filino laŭte ekkriis:

— Ĉu vi ne trovas, ke vi dancas pli ol oni devas? Eble tiuj ekzercoj ne plu respondas al via aĝo . . . estas necese atenti pri via koro.

Ĉiuj, kiuj aŭdis tiujn ĉi ofendajn vortojn, kvankam eldiritajn en afabla formo, restis por momento konsternitaj. Kolerigita, kun manoj apogitaj ĉe la femuroj kaj malmola voĉo, Nuncia respondis:

— Atenti pri mia koro? Ĝi okupas vin, ĉu ne! Mi dankas al mia knabino, mi dankas! Ni vidos, kiu koro estas pli sana — la via aŭ la mia!

Kaj post minuta silento ŝi proponis:

Ni atingos ambaŭ la fontanon kaj reire trifoje sinsekve, ne ripozante, kompreneble . . .

Multaj trovis ridinda tiun ĉi virinan vetkuron. Aliaj asertis, ke tio ĉi estos honta skandalo. Sed ĉar Nuncia ĝuis grandan estimon, ŝiaj vortoj estis akceptataj kun aplaŭdoj, kaj Nina estis devigata akcepti la proponon de sia patrino.

La juĝantaro estis elektita; oni difinis la plej grandan rapidecon, kaj ĉio estis priparolita en plej grandaj detaloj, kvazaŭ ĝi koncernus efektivan vetkuradon. Multaj inter la geviroj sincere deziris la venkon de la patrino. Ili ŝin benis en sia animo kaj direktis varmajn preĝojn al la Madono por donaci al ŝi la venkon.

Kaj jen la patrino kaj la filino stariĝas unu apud la alia; ili eĉ ne interrigardas sin; la tamburo ekfrapas; ambaŭ virinoj, kiel du grandaj birdoj, forflugas rapide; la patrino portas ruĝan kufon, kaj la kapo de ŝia filino estas kovrita per blua punto.

Jam en la komenco oni povis diveni, je kiu flanko estos la sukceso: La patrino superis la filinon laŭ fleksebleco kaj rapideco. Nuncia kuris tiel libere, tiel gracie, ke ŝi ŝajnis esti portata de la tero, kiel infano de la patrino. El la fenestroj kaj el la strato oni ĵetis florojn ĉe la piedojn de Nuncia; oni aplaŭdis ŝin, laŭdis kaj diris al ŝi kuraĝigajn vortojn. En la fino de la dua reveno ŝi estis kvar minutojn antaŭ sia filino. Nina, malfortigita, hontigita de sia malsukceso, sufokiĝanta kaj kun larmokuloj, falis sur la trotuaron, malkapabla daŭrigi.

Fleksebla kiel katino, Nuncia sin klinis super ŝin ridante. Ridis ankaŭ la rigardantoj.

— Infano, — ŝi diris, kaj per sia forta mano gladis la belajn harojn de sia filino, — infano, sciu ke, la koro plej soifanta plezuron laboron kaj amon, estas tiu de la virino gustuminta la vivon; kaj oni ekkonas la vivon kiam oni trapasas la tridek jarojn . . . Ne turmentu vin, knabino mia.

Ne ripozinte, Nuncia ekdeziris danci ankoraŭ la tarantelon.

— Kiu deziras danci kun mi? Henriko eliris el la amaso, mallevis sian ĉapon kaj, riverencinte malalte antaŭ tiu forta virino, restis longe kun respekte klinita kapo.

La tamburo komencis frapi, brui, tondri — komenciĝis la freneza danco, ebrianta kiel nigra, malnova vino. Nuncia turnis sin kiel ventego; ŝiaj movoj estis fleksemaj kaj ondumaj, similaj al serpentaj. Ŝi konis fundamente tiun ĉi dancon de la pasio kaj ĝuis senfinan ĝojon senti kiel la nevidebla kaj bela korpo ludas kaj vivas.

Ŝi dancis longe kun multaj partoprenantoj; la viroj laciĝis, sed Nuncia eĉ unu fojon ne haltis. Estis meznokto, kiam ŝi elkriis:

— Ankoraŭ unu fojon, Henriko, lastan fojon. Malrapide ŝi komencis kun li. Ŝiaj okuloj larĝiĝis, brilis, karaj kaj promesantaj. Sed subite, kun mallonga krio, Nuncia delasis la manojn kaj falis, kvazaŭ oni estus frapinta ŝiajn piedojn. La kuracisto anoncis, ke ŝi estas mortinta de koreksplodo.

Estis kredeble . . .

Trad.: *I. K.*

[1] popola danco

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la nacia societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio.

*Donawitz:* S-ro R. von Lidl gvidas kurson. — *Eisenerz:* S-ro leŭt. Kitzler aranĝis kurson. — *Loeben:* S-ro R. von Lidl gvidas kurson. — *Trofayach:* Helpata de F-ino Lichtl S-ro R. von Lidl gvidas kurson. — *Wien:* La aŭstria Katolika Ligo Esp. eldonis prese sian raporton, el kiu ni konvinkiĝas pri la vere senlaca laboro de la nomita ligo. En la Esp. klubo „Danubio" aniĝis S-ro Adalbert Kundi, lerneja inspektoro, kiu promesis vigle labori por nia lingvo en la instruistaj rondoj. La prez., S-ro R. Kaftan, fariĝis direktoro de la horloĝmuzeo; grandan parton de ties kvantegoj da plej diversaj horloĝoj li akiris per Esp. Afiŝeto sur la muzea pordo anoncas, ke li kun fremdlandanoj parolas Esp. En la oficirlernejo estas gvidataj du kursoj por germanoj de S-ro Otto Maschl kaj por ĉeĥoj de S-ro Schulhof filo.

## Belgujo.

*Gent:* Kursoj estas organizataj.

## Britujo.

*Aldershot:* S-ro W. Saunders starigis kurson por knabo-skoltoj. — *Birmingham:* S-ro J. Merchant faris bonegan reklamon pri nia afero paroladante ĉe Rotary Club pri Esp. kaj komerco. — *Bristol:* Estas gvidataj de S-ro Carr du kursoj, unu por komencantoj kaj alia por la pli spertaj. — *Edinburgh:* Estis organizitaj „Esp. Semajno", ekspozicio kaj paroladoj de la prez., S-ro James Rubbie kaj de S-ro W. M. Page. Oni aranĝis paroladojn ankaŭ en kelkaj lernejoj por instigi personojn aliĝi al la kursoj enkondukotaj en la lernejojn de la Eduka Komitato. — *London:* La Komerca Ĉambro sendis al la registara Komitato pri modernaj lingvoj rezolucion por subteni la rekomendon starigi specialan komitaton por esplori la demandon pri artefarita lingvo. La Literatura kaj Debata Societo tradukas kelkajn gravajn verkojn el la angla literaturo. — *Lymm:* Delegitoj de la federacioj de Lancashire kaj Cheshire kunvenis. Ĉeestis entute 34 samideanoj.

## Bulgarujo.

*Lidjene:* Dum la vintra sezono S-ro Ognjanoff malfermis duan kurson kun jam pli ol 10 lernantoj.

## Ĉeĥujo.

*Franzensdorf:* S-ro F. Kaulfers parolis pri „Esenco kaj celo de Esp.". Nova kurso kun 23 lernantoj komenciĝis. — *Jilemnice:* S-ro Miloŝ Lukaŝ faris antaŭ la loka studentaro paroladon, kiu vekis kontentigan intereson. — *Pardubice:* S-ro inĝ. Berger kun sia edzino vizitis la klubon, kaj en interesa parolado prezentis siajn travivaĵojn en la du unuaj militjaroj en Serbujo. — *Praha:* Fondiĝis ligo „Universala Kornobeleco", kiu havas la saman programon kiel „Corda Fratres". Nia fervora propagandistino F-ino Šupichová gvidas, jam la 6an jaron, Esp. rubrikon en junulara gazeto „Malý Čtenář", en kies nova jarkolekto ŝi komencas enpresi kurson, laŭ deziro de la redakcio.

## Danujo.

Nia rusa samideano S-ro Leonid Vasiljev faris en 42 danaj lokoj 60 paroladojn en Esp. pri sia vivo dum la milito, en militkaptitejo kaj en internigejo, pri sia konvertiĝo kaj pri siaj spertoj koncerne la utilecon de Esp. La plejparton de la paroladoj li faris en la Savarmeo; multaj gazetoj, ĉefurbaj kaj provincaj, entenis longajn raportojn pri li kaj Esp. Plej ofte S-ro kand. teol. Naser estis lia interpretisto. — *Kopenhago:* Okazis vere sukcesa literatura ekspozicio, kiu enhavis riĉan materialon. Dum 5 tagoj 2494 personoj vizitis ĝin kaj estis tre interesitaj. Ĉiutage okazis mallongaj paroladoj de S-roj Petersen, Naser, Heilskov, Dehn, Baruël, F-inoj Jorgensen, Mikkelsen, Rybo, Andersen, Bjarnov, S-ino Bjorner. Ĉiuvespere F-ino Noll donis senpagan lecionon, kun 40—60 personoj. Nun funkcias kvar kursoj por maturaĝaj komencantoj, kaj unu por infanoj. La klubaj kunvenoj estas bone vizitataj, kaj la gazetoj sufiĉe favoraj. De „Vendelbos sociale Fond" (sociala fondaĵo) Centra Dana Esp. Ligo ricevis bonan monhelpon, per kiu ĝi eldonis 3000 danajn 16-paĝajn propagandbroŝurojn. Ankaŭ la Ligo publikigis kelkajn centojn da raportoj pri Esp. en la infanlernejo, speciale okaze de la eksperimento en Eccles. Nova Esp. lernolibro de S-ro Zoffmann ĵus aperis. Ankaŭ en kelkaj provincurboj, speciale en *Odense,* oni laŭpove energie laboras.

## Germanujo.

*Aue:* Okazis granda propaganda vespero. S-ro paroĥestro Albrecht paroladis. Muziko kaj deklamoj plibeligis la vesperon. Lokaj gazetoj raportis. Novaj kursoj komenciĝis. — *Berlin:* Okazis tre bonvizitita kunveno. Parolis S-roj Sprotte kaj Dörning. S-ro Wagenführ varbis adeptojn por la novefondita „Frybund" iniciatita de D-ro Kliemke, aŭtoro de „Fürsten ohne Krone", kaj kies prez. fariĝis D-ro Rumpel. En alia kunveno S-ro Mitschke parolis pri „La propagando dum la vintro". Kursoj por popollernejanoj kaj por studentoj estas aranĝataj. — *Breslau:* S-ro M. Mielert komencis unuan vintrokurson kun 19 membroj de la Katolika Junula Unuiĝo. — *Bromberg:* La grupo festis sian dekan fondiĝfeston. S-ro Becker parolis pri la evoluo de Esp. Bonvizitita ekspozicio ĝojige atestis pri la progresoj de nia movado. — *Chemnitz:* Estas elektita komisiono gvidanta la eksterajn aferojn de la unuiĝo: prez. S-ro Klemm, kas. F-inoj Krause, Nagel kaj Leistner kaj S-ro Claus. S-ro Melzer parolis pri la komencoj de la Esp. movado. — *Dresden:* S-ro Johs. Mucke faris paroladon pri internacia korespondado. — *Hammerstein:* S-ro Koliner komencis en la militkaptitejo kurson, kiun ĉeestis ankaŭ multaj rusoj. La kursgvidanto parolis pri naskiĝo, evoluo kaj nuna stato de Esp. — *München:* En la loka „Lingva Unuiĝo" D-ro Proelss faris paroladon antaŭ granda aŭskultantaro, sekve de kiu nova kurso kun 24 lernantoj komenciĝis sub lia gvidado. Ĉiusabate en hotelo Reichshof kunvenas Espistoj el ĉiuj 9 lokaj grupoj. En rondoj de reallernejanoj kaj gimnazianoj S-ro Koch daŭrigas varbi kaj instrui. — *Siegburg:* La gazeto „Sieg-Bote" presigas artikolojn pri Esp. — *Wilhelmshaven:* Nova kurso kun 36 partoprenantoj, gvidata de S-ro M. Starke, komenciĝis en la progresiga lernejo.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La grupo „Nova Sento" aranĝis paroladon pri la utileco de Esp. por laboristoj kaj komercistoj; ĝin sukcese faris S-ro R. S. Rocamora. Festeto sekvis la paroladon. S-ro Pujol gvidas novan kurson. En „Ateneo democrático regionalista" de Pueblo Novo, S-ro Canales gvidas kurson, kiun partoprenas 35 knaboj 7—12 jaraj. — *Reus:* La Esp. grupo „Nova Sento", kiel pruvo de estimo al sia prezidanto, S-ro Enric Aguadé, publikigis en formo de bela broŝuro lian tre interesan paroladon. — *Sabadell:* Pli ol 30 fervoraj lernantoj ĉeestis la malfermitajn kursojn. — *Terrassa:* S-ro J. Girona, sekretario de la K. E. F., faris belan prelegon pri „La urbo Tebas kaj la egipta civilizo" antaŭ multnombraj ĉeestintoj. Sukcesplena ekskurso okazis.

## Italujo.

*Pisa:* Sekve de kurso de S-ro F. Pizzi, grupo fondiĝis kaj kalkulas jam 30 membrojn; biblioteko estas starigita. Prez. F. Pizzi; sekr. F. Paderi. Adreso: 18, viale Bonaini.

## Nederlando.

*Hago:* Okazis kunveno de delegitoj de la diversaj laboristaj Esp. grupoj en la lando, kun la celo restarigi la Nederlandan Federon de Laboristaj Esperantistoj. La Haga klubo starigis komitaton por klopodi ĝian revivigon. Por pluaj detaloj oni povas sin turni al la sekr., S-ro K. H. Meijer, Tak van Poortvlietstraat 21, Hago. — *Harderwijk:* La ekspozicio aranĝita de la Asocio de Belgaj Esp. havis multe da vizitantoj. Ĝi enhavis pli ol 2000 libroj, revuoj, k. t. p. kaj pli ol 3000 poŝtkartoj. Tuj poste malfermiĝis du kursoj kun 60 partoprenantoj. — *Utrecht:* La movado revigliĝis. La klubo abonis 90 ekz. de „Nederland-Esperanto" por siaj anoj kaj por disdoni en legejoj.

## Norvegujo.

Nia samideano S-ro Bruno Rifling fervore propagandas per parolo kaj skribo en diversaj urboj. En *Kristiania* okazis kelkaj kursoj. Sesdek popollernejanoj lernis Esp., kaj multaj bele kantas en Esp. Estis fondataj Esp. unuiĝo de norvegaj instruistoj kaj Esp. unuiĝo de kontoristoj. En la Esp. Klubo ĉeestas anoj de 7—8 nacioj.

## Polujo.

*Konin:* La nova Esp. Societo komencas vigle labori. — *Krakow:* S-ro Grenkamp prelegis pri „Sinjoro Tadeo", deklaminte la komencon de tiu ĉi verko. La belega traduko tiel ravis la aŭskultantojn, ke oni decidis sendi gratulojn kaj dankojn al nia eminenta poeto A. Grabowski. La du novaj ĵurnaloj „Goniec Krakowski" kaj „Nowy Dziennik" nun regule enpresas artikolojn pri kaj el Esp. — *Lenczyce:* Dank' al S-ro O. Bermann fondiĝis grupo kun 14 anoj. — *Lodz:* Tri kursoj estas gvidataj. La societo havas propran ĥoron, kiun lerte gvidas S-ro Silberz. La membronombro de la Esp. Societo estas ĉiam kreskanta. Fondiĝis Esp. lernejana grupo dank' al la fervora laborado de S-ro O. Bermann. — *Rawa ruska:* La junularo ekinteresiĝas por nia movado kaj jam lernas nian lingvon. Espereble baldaŭ fondiĝos klubo. — *Zgierz:* En la Esp. Societo okazas kvarfoje semajne kursoj, gvidataj de F-ino Olga Langnas.

## Rusujo.

El la sekvanta titolaro de Esp. gazetoj ni vidas, ke la movado en tiu ĉi lando bone prosperas. Tie, krom la „Petrograda Revuo", aperas jenaj novaj gazetoj: „Feĉo", Esp. literatura ĵurnalo en Peterburgo, „Torento" en Saratov, „Ĵurnalo de kolektantoj kaj korespondantoj de malproksima nordo" (rusa titolo) en Arĥangelsk, kies redaktoro estas S-ro Tarasov kaj „La Rondiranto" (hektografita) sub la redaktado de pastro Ŝirjaev en Ĵinovjevo. Laŭ „Petrograda Revuo", la movado prezentas sin forta kaj vigla. Dum 1918 fondiĝis Esp. societoj en *Balaŝov, Kazan, Kamijŝin* (en virina gimnazio), *Orel, Peterhof, Pokrovsk,* k. t. p. En *Jekaterinoslav* Esp. estas instruata en ĉiuj klasoj de l' virina gimnazio. Sur la ĉefa strato de *Peterburgo* (Nevskij prospekt) estas Esp. librovendejo. En la mezaj lernejoj oni fervore propagandas Esp. En *Volsk* fondiĝis grupo de poŝtoficistoj.

## Svedujo.

*Falun:* La Esp. Klubo aranĝis paroladon de S-ro Einar Adamsson. Precipe li atentigis pri la grava rolo, kiun ludas Esp. en la laboro por paco. Ĉeestis granda publiko. Aniĝis por kurso 15 personoj. La de S-ro Eriksson verkita artikolo en la lokaj gazetoj tre helpis por la sukceso. La intereso por Esp. revekiĝis inter la gimnazianoj, el kiuj kelkaj nun studas ĝin. — *Gefle:* Estis aranĝita kunveno en la popola domo de delegitoj el Gefle, Falun, Storvik, Kungsgarden, Sandviken, Järbo kaj Harnäs. Prezidis S-ro B. Eriksson. Oni decidis fondi distriktan federon de Esp. grupoj de la provincoj Gestrikland kaj Dalarne. La jena estraro estas elektita: prez. J. Helsing; sekr. C. G. Holmstedt; kas. A. Örn; anoj B. Eriksson, O. Magnusson, C. Magnusson, F-inoj H. Lindberg, F. Karlsson; revizoroj A. Liljemark kaj O. Kihlström. — *Hille:* Ĉe jarkunveno de la instruistaro, S-ro J. Helsing paroladis pri Esp. kaj aranĝis kurson. — *Hjo:* La Klubo aranĝis „letervesperon", kiu celis instigon al pli fervora studado kaj samtempe plibonigi la staton de la kaso. — *Kristianstad:* Fondiĝis grupo ĉe la loka liceo; kurso estis kondukata de prof. Nils Nordlund. — *Malmö:* S-ro J. Petersson faris paroladon pri „la historio de la tutmonda lingvo". La salono de la Industria Societo estis plena je interesata publiko. Kurso estis malfermata kun 20 partoprenantoj. — *Sandviken:* S-ro E. Adamsson faris paroladon. Samtempe la grupo aranĝis ekspozicion de siaj Esp. korespondaĵoj kaj kolekto de manlaboraĵoj faritaj de militkaptitoj. La gazeto „Arbetarbladet" detale raportis. — *Stora Skedvi:* S-ro J. Helsing faris paroladon. La aŭskultantoj estis multaj, kaj loka gazeto „Dala-Bladet", favore raportis.

## Svisujo.

*Bellinzona:* Kurso estos baldaŭ komencata. — *Locarno:* S-ro Olivier komencos kurson kun almenaŭ 20 lernantoj.

## Argentino.

En la lastaj monatoj okazis multaj publikaj kunvenoj kaj kursoj, precipe en *Buenos Aires, Palleja* kaj *Albamonte.* La grupoj en *Talleres, Banfield* kaj *Zarate* malfermis novajn kursojn.

## Aŭstralio.

*Melbourne:* La rezultatoj de la literatura konkurso, farita de la societo, estas tre kontentigaj. Estis premiitaj tradukoj kaj originalaj versaĵoj. — *Queensland:* La Eduka Departemento aprobis formiĝon de kurso ĉe la Instruista Lernejo por la studo de Esp.

## Japanujo.

*Jokohama:* La societo disdonis inter komercistoj pli ol mil broŝurojn represitajn „An Appeal to Patriotism and Common Sense". — *Kioto:* La loka societo reviviĝis dank' al S-ro T. Jamaga, kiu nun preparas la 3an eldonon de la ŝlosilo por japanoj. — *Okinawa Insulo:* Du kursoj estas gvidataj ĉe la biblioteko kaj ĉe la meteorologia observejo. Ofte aperas artikoloj pri Esp. en la tieaj ĵurnaloj. — *Osaka:* La societo organizis specialan kurson, kiun partoprenis interalie du blinduloj. Antaŭ ĉio, oni unuafoje spertis, ke por la senlumuloj nia lingvo estas vera beno. Ili lernis ĝin senpene per la reliefpunkta metodo laŭparole.

## Siberio.

En *Bijsk, Barnaul, Tjumen, Tomsk* oni fervore laboras kaj obstine propagandas.

---

# TRA LA GAZETARO

∴ „*British Esperantist*" (oktobro). Alvoko de la Propaganda Komitato de B. E. A. (angle). — Kroniko. — Latina aŭ Esperanto? (angle), de Harrison Hill. — † Herbert F. Höveler (kun portreto), k. t. p.

∴ „*Bulteno de la Kataluna Esp. Federacio*" (junio-julio). Esperanto je la komerca vidpunkto, de Maugeis de Bourgnesdon. — Bernardo Palissy, de Samuel Smiles. — Enlanda movado.

∴ „*Esperanto Monthly*" (oktobro). Policano kaj lingvoj (angle) de Roderick Ross. — Universala Esp. Asocio (angle), laŭda artikolo pri nia asocio kaj organo. — La strathomo kaj la policano, de P. Alcorn. — Ĉe la registrejo de alilanduloj, de Sutherland. — Kio estas artefarita lingvo? (angle) — H. F. Höveler. — Literaturaĵoj. — Norvegujo kaj Esperanto, belega informa artikolo de Bruno Rifling. — Diversaĵoj.

∴ *Esperantista Voĉo*" (oktobro). Kion ni devas, de Salo Grenkamp. — Antaŭsento, poeziaĵo de Br. Kuhl. — La reĝa sendito, fabelo. — Penseroj. — La skandinava kongreso. — Lingva fako, de Eugen Wüster. — Kroniko, k. t. p. *Aldono N-ro 1:* Helpa lingvo

internacia (pole). — La 14 aprilo 1917. — La interna ideo de Esp., de Otto Maschl k. t. p.

.·. *„La Espero“* (oktobro). Moderna humana eduko (svede), de P. Nn., tradukaĵoj el la angla broŝuro pri la Eccles-eksperimento. — Sonu la ĝoja kanto! bela poeziaĵo de Theodor Nilsson. — Letero de D-ro Zamenhof (vidu aparte). — Sveda Kroniko. — La filozofo, fragmento el rakonto de Verner v. Heidenstam. — Libroj kaj gazetoj. — Nia plej nova entrepreno, pri la fondo de „Eldona Asocio Esp. sen persona respondeco“, k. t. p.

.·. *„Germana Esperantisto“* (novembro). Eldono A: Babiladoj de bonhumora Zamenhofano (daŭrigo) de Joŝo. — Esperanto en Ukraino (germane) de M. Blankenheim. — Vizito ĉe S-ro Grabowski, de Jakob Schenkel, kie bedaŭrinde estas konstatata interalie plendinda ŝanĝiĝo en la sanstato de nia senlaca unua poeto, kiu tiel ofereme kaj malegoiste dediĉas siajn fortojn al nia ideo, riĉigante nian literaturon. — Saksa Landligo Esperanto (germane) de A. Petzold. — Kroniko. — Diversaj komunikoj, k. t. p. — Eldono B: Literaturaĵoj, poeziaĵoj, humoraĵoj. — El vivo kaj scienco. — Bibliografio.

.·. *„La Progreso“* (oktobro). Al la doktrino pri memdestino (dulingve) de D-ro Jindřich Kohn. — En tempo de universaleco, felietono de D-ro St. Schulhof. — Amikoj de la lingvo internacia, kie J. B. defendas la fundamentan Esperanton. — Ne eble! kie Bed. Tittl. pruvas kial la bohema nacio ne povas trakti kun la Viena registaro. — La alsopirita feliĉo, fino de la orig. literaturaĵo de B. Rajchlová. — Mia malliberigo en la jaro 1915, de Ant. Janalikova. — Kroniko. — Bibliografio, k. t. p.

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: *„Esperanto-raporto“* (Danujo) (septembro), *„Nederlanda Katoliko“* (oktobro), *„Nederland-Esperanto“* (10, 17, 24 octobro).

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Rekomenco de la agado por Esperanto kaj UEA.

— Okaze de la fino de l' milito la C. O. de UEA sendis al ĉiuj Delegitoj la ĉi-suban cirkuleron, pri kiu ni atentigas ankaŭ ĉiujn membrojn de UEA kaj ĉiujn samideanojn:

*Estimata Sinjoro Delegito,*

La nunaj cirkonstancoj lasas esperi la baldaŭan konkludon de la paco, kaj por ni Esperantistoj la eblecon rekomenci nian agadon, kiu fariĝis pli necesa ol iam. Kvankam la internaciaj komunikoj ne estas ankoraŭ normalaj kaj en kelkaj landoj la ĝenerala situacio ne aspektas klare, ni tamen opinias, ke en multaj lokoj oni povas jam de nun metode prepari la estontan agadon kaj prizorgi la rekonstruon de tio, kion detruis la milito. Se via loka grupo ĉesis kunveni en la lastaj jaroj, estus necese, ke tuj kiam eble vi interkonsiliĝu kun la gvidantoj de la antaŭmilita movado kaj, per cirkuleroj kaj gazetartikoletoj, aranĝu kunvenon, en kiu estu priparolata la refondo de taŭga organizo.

La Centra Oficejo de UEA pristudas nun la diversajn problemojn rilatajn al la restarigo de la asociaj servoj kaj de aliaj necesaj internaciaj aranĝoj, kaj siatempe ĝi konigos al vi la farotajn klopodojn. En la nuna momento la plej urĝa tasko estas rekolekti la disajn samideanojn kaj denove instigi ilin al komuna laboro.

Vi facile komprenos, ke UEA povas sukcese plenumi la gravajn taskojn, kiuj staras antaŭ ĝi, nur se ĝi havas sufiĉe da membroj. Dum la milito, kun apenaŭ du mil membroj, ĝi ne estus povinta ekzisti sen la uzo de ŝparita mono kaj de privata helpo. Kore dankante la fidelajn Esperantistojn, kiuj subtenis ĝin dum tiu malfacila tempo, ni atentigas, ke rapida pligrandiĝo de la membraro estas urĝe necesa, finance kiel morale. Ni do petas, ke vi bonvolu tre energie klopodi por la varbado de novaj membroj kaj revarbado de la antaŭaj. En la vicoj de UEA devas troviĝi ĉiu konscia Esperantisto. Tiu rezultato estas neatingebla sen la fervora agado de ĉiuj niaj Delegitoj.

Ni ankaŭ petas, ke vi bonvolu rekomendi al la membroj la abonon al *„Esperanto“*, oficiala organo de UEA, kiu liveras al siaj legantoj artikolojn pri temoj de ĝenerala intereso kaj detalajn informojn pri la stato de nia movado en la mondo. Esperantisto povas propagandi kaj labori por la sukceso de nia afero nur se li bone scias nian lingvon kaj estas regule informata pri la diverslandaj progresoj de Esperanto. Ni esperas, ke de la nova jaro, pro la plifaciliĝo de la poŝtkomunikoj, nia gazeto povos eniri en ĉiujn landojn kaj regule atingi la abonantojn.

Dezirante laŭeble konservi la tre favorajn kondiĉojn de membreco kaj abono, ni ne altigos la prezojn. Sed en epoko, dum kiu ĉio plikariĝas, ni ne plu povas suferi la perdojn rezultantajn el la kurzdiferencoj, pro kiuj ni eĉ malpli enspezis ol antaŭe. Okazis, ke por kotizaĵo aŭ abono ni enkasigis nur la duonon de la svisa valoro. Tiu sistemo ruinigas la plej ŝpareman entreprenon kaj ne plu povas esti konservata. De la nova asocia jaro de UEA, ni do akceptos monsendojn senescepte nur sub la jenaj kondiĉoj:

*a) Kotizaĵo al UEA*: 2. 50 Fr. svisa valoro.
*Abono al „Esperanto“*: 5 Fr. Luksa eldono: 6. 25 Fr.

*b)* La kotizaĵoj estu pagataj laŭeble al niaj Delegitoj, sed povas ankaŭ esti sendataj senpere al la C. O. en Ĝenevo.

La abonojn oni mendu kaj pagu en Ĝenevo (escepte en la landoj, kie pro la poŝtaj malfacilaĵoj ni elektis specialan reprezentanton por la gazeto).

Konforme al la administra regularo la Delegito sendu la kotizaĵojn al la C. O. plej malfrue unu semajnon post ricevo. Li rajtas depreni la kvinonon de ĉiu plena kotizaĵo de li enkasigata.

*c)* Por la pagoj al niaj Delegitoj kaj reprezentantoj kaj iliaj rilatoj kun ni valoros la jena tabelo de prezoj en nacia mono:

| | | Kotizaĵo de UEA | Abono al „Esperanto“ |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio-Hungario . | *Kronoj* | 6. — | 12. — |
| Britujo . . . . . | *Ŝilingoj* | 2/- | 4/- |
| Francujo . . . . | *Frankoj* | 2.50 | 5. — |
| Germanujo . . . | *Markoj* | 3.50 | 7. — |
| Italujo . . . . . | *Liroj* | 3. — | 6. — |
| Rusujo . . . . . | *Rubloj* | 3. — | 6. — |
| Usono . . . . . | *Dolaroj* | ½ | 1. — |

Por la *aliaj landoj* ni fiksos specialajn kondiĉojn, se la graveco de niaj rilatoj kun ili kaj la diferencoj de la kurzoj tion necesigas.

Per la supra tabelo ni kompreneble ne pretendas solvi la nesolveblan problemon fiksi daŭran rilaton inter la naciaj monunuoj. Ni nur celas eviti netolereblajn kurzperdojn kaj korespondadon kun la Delegitoj pri la enlanda valoro de la kotizaĵoj kaj abonoj.

*d)* Ni petas ĉiun Delegiton kaj reprezentanton de la gazeto akcepti kotizaĵojn kaj abonojn nur je la supraj prezoj, kiu ajn estas la momenta kurzo de la svisa franko. Kal-

kulojn aliajn ol laŭ tiuj kurzoj aŭ laŭ svisaj frankoj ni rifuzos. Rifuzataj estas ankaŭ kalkuloj laŭ la spesmila sistemo.

Eventualaj ŝanĝoj de tiuj valoroj estos publikigataj en „*Esperanto*"; tamen ni klopodos konservi tiujn rilatojn kiel eble plej longe, por ne okazigi novan malcertecon.

Ni scias, ke tiuj novaj naciaj prezoj estas por kelkaj landoj pli altaj ol la sumoj, kiujn je nia malprofito la Delegitoj kutimis alsendi, kaj ke estontaj kurzŝanĝoj eble favoros unu landon kompare kun alia. Tiurilate ni petas konsideri, ke al nia internacia sed modesta entrepreno ne estas eble labori kiel banko, kaj ke la prezoj postulataj eĉ ne atingas la minimumon por ekzisti.

Aliparte, ni atentigas speciale, ke ĉiu membro aŭ abonanto, al kiu tiu pago laŭ nacia monvaloro ne plaĉas, havas la rajton, transsendi al ni la monon senpere al Ĝenevo, laŭ svisa valoro. Ekzemple, Italo povos alsendi por kotizaĵo internacian poŝtmandaton valorantan 3 Lirojn aŭ 2.50 svisajn Fr. kaj Germano 3.50 Mk. aŭ 2.50 svisajn Fr., laŭ prefero.

Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1919 ricevos membrokarton aŭ banderolon kaj broŝuron kun la respondoj de la naciaj Esperantistaj societoj al nia enketo pri la postmilita agado kaj aliaj utilaj informoj.

Ĉar tiu broŝuro povos esti preta nur en februaro aŭ marto, ni sendos al la intertempe pagontaj[1] membroj provizoran membrokarton.

Oficiala Jarlibro povos esti pretigata nur dum la jaro 1919, kiam fidinda adresaro de la Delegitoj, novaj kaj malnovaj, estos kunmetita.

Ĉar la poŝtaj komunikoj ne estas ankoraŭ tute certaj, ni petas, ke vi bonvolu informi nin pri la ricevo de tiu ĉi cirkulero kaj poste pri la rezultatoj de viaj klopodoj. Se vi estas preta nun klopodi por varbado de membroj, ni volonte sendos, laŭ via peto, oficialan kvitancaron kaj provizon de aliĝiloj.

Dankante vin antaŭe pro via kunlaborado kaj esperante, ke ĝi estos fruktodona por la bono de nia kara afero, ni sendas al vi nian samideanan saluton.

En la nomo de UEA,

La Direktoro: *H. Hodler.* La Vicdirektoro: *Ed. Stettler.*

**Interkonsento kun la naciaj Esperantistaj societoj.** — Laŭ decido akceptita en sia jarkunveno la 7 aŭgusto 1918 en Gotenburgo, la *Sveda Esperanto-Federacio* aliĝis al la Interkonsento de la naciaj Esperantistaj societoj kun UEA kaj elektis sian prezidanton S-ron redaktoron Paul Nylén reprezentanto ĉe UEA.

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 2125 |
| 18. Charles H. Parker, Auckland (Nov-Zelando) . . . . | 125 |
| 19. Ivan H. Krestanoff, Bern . . . . . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 2375 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 31 oktobro estis enkasigitaj 1791 kotizaĵoj (el kiuj 141 subtenantoj). Krom tio estas 165 dumvivaj membroj. Sume: 1956. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 52.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato oktobro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 282 | 198 |

*Tuta sumo*: 480. (Antaŭa monato: 423.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Deka listo:*

140. C. Bardorf (Montreal). — 141. C. Rousseau (Levallois-Perret, Francujo).

**Novaj Delegitoj.**

*Mexico* (Meksiko). — D.: S-ro Jacinto Beltran, inĝeniero, Artiaga I. *Shizuoka* (Japanujo). — D.: S-ro K. Takahaŝi, inĝeniero, 28, Mizuoĉi I-ĉome.

Provizore ne plu estas Delegito en: *Hiroŝima* (Japanujo).

# Lingvaj Studoj

## Pri la geografiaj nomoj

La demando pri la geografiaj, speciale pri la landaj, nomoj en Esperanto jam ofte estis diskutata en nia gazetaro. Oni faris multajn pli-malpli taŭgajn proponojn, oni longe disputis pri ili, la Lingva Komitato eĉ rekomendis solvon, laŭ nia opinio, kontentigan, kvankam de neniu aplikitan, sed en la praktiko ĉio rilata al tiu problemo restis en la sama ĥaoso, kiel en la unuaj vivjaroj de nia lingvo. Por konvinkiĝi pri tio, sufiĉas trarigardi la esperantajn gazetojn kaj kompari ilin rilate la manieron, en kiu ili traktas la landnomojn[1].

Nun kiam pluraj landoj naskiĝas al nacia vivo kaj nova mondkarto desegniĝas, la momento ŝajnas taŭga por esplori tiun demandon, kaj ekzameni, ĉu oni ne povus interkonsenti pri praktika solvo, kiu metos finon al la ĝisnuna necerta stato.

Estu unue studata la demando pri la landnomoj, kiu estas la plej grava kaj la plej malfacila.

Ĝis nun oni uzas en Esperanto du sistemojn, same kiel en la naciaj lingvoj. Iafoje, la nomo de la lando derivas, per la sufikso *-uj* aŭ per la vorto *land'*, el la nomo de la gento, kiu ĝin fondis (ekz. *Ruso, Rusujo* aŭ *Ruslando*); alifoje la primitiva nomo estas la landnomo, el kiu oni per la sufikso *-an'* derivigas la nomon de la regnano (ekz. *Kanado, Kanadano*). Por la granda plimulto de la provincaj nomoj, por ĉiuj nomoj de urboj kaj de kontinentoj, estas uzata nur la sistemo kun *-an. (Galicio, Galiciano; Parizo, Parizano; Afriko, Afrikano.)*

Al partianoj de unuformeco ne plaĉas tiu dueco de sistemoj. Tiu ĉi estas tamen neevitebla, se oni ne volas tro malproksimiĝi de la nacilingvaj kutimoj, kiuj havas historiajn kaŭzojn. Estus tute arbitre formi ĉiujn landnomojn per la sufikso *uj*. Vortoj kiel *Holandujo, Kanadujo, Argentinujo*, pekas kontraŭ la principo de interna-

[1] Oni ekz. trovas kun la sama signifo Aŭstrio kaj Aŭstrujo, Hungario, Hungarujo kaj Hungarlando, Nederlando kaj Holando, Egipto kaj Egiptujo, Argentino kaj Argentinujo, Brazilo, Brazilujo, Brazilio, Brazillando, Ĉilo, Ĉilujo kaj Ĉilio k. t. p. Kelkaj gazetoj uzas nur la sufikson *uj*, aliaj nur *land'*, aliaj uzas ambaŭ. (ekz. en la sama gazeto estas legeblaj Pollando, Litovujo, Ruslando, Italujo.)

cieco, ĉar en ĉiuj idiomoj la radiko *Holand', Kanad', Argentin'* rilatas ne al la loĝanto, sed al la lando mem. Cetere, eĉ se oni algluus *-uj* aŭ alian sufikson al ĉiuj landnomoj senescepte, oni tamen devus konservi la sistemon *-an* por la kontinentoj, la provincoj kaj la urboj — ĉar mi supozas, ke neniu konsentus diri *Amerikujo, Galiciujo* aŭ *Parizujo!* Do, la dueco de sistemoj tamen restus.

Pli alloga, sed tute kontraŭa al la ĝisnuna kutimo en Esperanto, estas la propono ĉiam uzi *-an*, t. e. derivigi la nomon de la regnano el la landnomo, same kiel por la provincoj kaj la urboj. (Ekz. *Franco, Francano; Hungario, Hungariano; Sviso, Svisano; Kanada, Kanadano*[1].) Tiu sistemo estas simpla, sed ĝi ankaŭ prezentas maloportunaĵojn. Unue, ĝi grave ŝanĝus la sencon de radikoj jam ofte uzitaj en Esperanto: ekz. *Franco* signifus tion, kion oni nun nomas *Francujo*, kaj tiu sencoŝanĝo certe naskus konfuzon; plie, oni devus modifi kelkajn radikojn, ekz. *Ital'* al *Itali', Ruman'* al *Rumani'*, k. t. p. Aliparte la nomo de la loĝanto, kiu estas pli ofte uzata ol la nomo de la lando, fariĝus pli longa ol laŭ la nuna sistemo (komparu: *Germano, Germaniano; Rumano, Rumaniano*). Tiu maloportunaĵo fariĝus aparte grava ĉe la virinaj nomoj. Vortoj kiel *Francino, Germanino, Rumanino* estas pli belsonaj kaj pli oportunaj ol *Francanino, Germanianino, Rumanianino*. Fine, tiu procedo estas kontraŭa al la kutimo de la naciaj lingvoj, kiuj ĉe multaj kazoj nomas la landon laŭ la gento, kiu fondis aŭ okupas ĝin.

Ni do opinias, ke — kvankam tiu solvo estas iom malpli simpla — estas preferinde konservi la nunan duoblan procedon, kiu estas malpli rigida kaj pli konforma al la kutimo.

Sed, oni demandos, kiel oni povas scii, kiam oni devas derivigi la landon el la gento aŭ inverse?

Se ĉiuj naciaj lingvoj akordiĝus pri tio, la elekto estus facila. Bedaŭrinde, ili iafoje diferencas. Ekz. F. *Russie* derivas el *Russe*, G. *Russland* el *Russe*, sed A. *Russian* (= Ruso) el *Russia* (= Rusujo). A. *Poland* devenas el *Pole* (= Polo), G. *Polen* el *Pole*, sed F. *Polonais* (= polo) derivas el *Pologne*. A. *Scotland* devenas el *Scot* (= Skoto), sed F. *Ecossais* (= Skoto) el *Ecosse* (= Skotlando). Cetere, estas rimarkinde, ke ĉi-rilate Esperanto ne tute sekvis la naciajn lingvojn. Ekzemple, ĝi derivigas *Italujo* el *Italo, Portugalujo* el *Portugalo, Japanujo* el *Japano*, kvankam en ĉiuj lingvoj oni uzas la inversan procedon. Se oni studas la ĝisnunan kutimon, oni konstatas, ke Esperanto pli sisteme atentis pri la ideo de gento. Fakte, krom malmultaj esceptoj, ĝi uzas *-uj* aŭ *land'* ĉiufoje kiam la enloĝantaro formas apartan genton, kies plej trafa karakterizilo estas la lingva komuneco. Tial okazas, ke por la landoj de Eŭropo, kiuj estas loĝataj de propra gento, oni ĝenerale uzas la sistemon *-uj*, dum por la amerikaj landoj, kiuj estas loĝataj de diversaj eŭropaj gentoj, oni uzas la sistemon *-an*. Ekzistas itala, portugala, japana gento, same kiel franca aŭ germana; do oni prave agas, devenigante la landnomon el la gento, malgraŭ la kontraŭa ekzemplo de la naciaj lingvoj.

Ni ne proponas nun ŝanĝon de tiu procedo, sed nur ties reguligon. Antaŭ ĉio, necesa ŝajnas al ni la forigo de la dueco de sufiksoj *-uj* kaj *land'* por la nomigado de la landoj, kiu komplikigas sistemon en si mem ne tute simplan. La sufikso *uj* jam estis ofte kritikata, kaj, laŭ nia opinio, prave. Ĝi malagrable sonas al la oreloj de multaj popoloj, estas tute arbitra kaj kripligas la fizionominon de la landnomoj; plie, ĝi jam estas uzata por objektoj, kaj estas ne tre logike, havi la saman sufikson en du tiel malsamaj aferoj kiel *Francujo* kaj *salujo*. La nomado per *land'* estus elektinda, se ĉiuj gentonomoj estus unusilabaj; ekz. *Ruslando, Svislando, Greklando* estas bonsonaj kaj oportunaj vortoj. Sed kiam la gentonomo estas plursilaba, la nomo de la lando fariĝas tro longa kaj peza. (Ekz.: *Germanlando, Hispanlando, Itallando, Litovlando, Rumanlando, Portugallando.*) Precipe ĉe sinsekva citado de landnomoj, la ofta ripetado de la finaĵo *-land'* estas neagrabla. Multe pli oportune estus anstataŭi *-uj* kaj *land'* per la jam internacia kaj kelkfoje proponita sufikso *-i*. Oni tiel ricevas mallongajn kaj bonsonajn vortojn, kiuj ofte havas la saman fizionomion kiel la nacilingvaj aŭ latinaj landnomoj. (Ekz.: *Bulgario, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Rumanio, Rusio, Serbio, Turkio*, k. t. p.) Tiam *-uj* tute malaperus kiel landa sufikso, sed oni povus konservi la finaĵon *land'* ĉe la vortoj, kiuj jam havas ĝin en ĉiuj naciaj lingvoj, kiel *Finnlando* kaj *Irlando*.

Kelkaj nomoj prezentas malfacilaĵojn.

Oni ĝis nun, pro analogio, kutimis diri *Belgo, Belgujo; Sviso, Svisujo*, kvankam ne ekzistas belga kaj svisa gentoj, almenaŭ laŭ la kutima senco de tiu vorto. Ni ne kuraĝas proponi ŝanĝon de tiu jam forte enradikigita kutimo. Cetere, oni povas historie pravigi la formon *Belgio*, pro la ekzisto de la malnova tie loĝinta galla subgento *belga*, kiu donis sian nomon al la lando. Same *Sviso* povas esti konsiderata kiel la moderna nomo de la *Helvetoj*, kiuj okupis proksimume la nunan svisan teritorion. (Oni ankoraŭ iafoje uzas la vorton *Helvetio* anstataŭ *Svisio*.)

Por *Nederlando* ne ekzistas alia eblo ol derivigi la regnanon el la lando per la sufikso *-an*. *Holando* estu prefere rezervata por la provinco.

Pri la nova regno loĝata de la gento ukrajna, oni konforme al la esperanta procedo, nomu la landon laŭ la gento. *Ukrajno, Ukrajnio*. Aliaj nove kreitaj nacioj *litova, ĉeĥoslovaka, jugoslava*, estas facile nomeblaj helpe de la sufikso *i*. Se oni uzas tiun ĉi sufikson, estus bone elekti anstataŭ *Est'* kaj *Let', Eston'* kaj *Leton'* el kiuj devenos *Estonio* kaj *Letonio*, pli internacie kompreneblaj ol estus *Estio* kaj *Letio*.

Ĝisnuna *Aŭstrio* konsistis el diversaj gentoj. Estis do tute ĝuste nomi la loĝantojn *Aŭstrianoj*. Sed se estonte la nomo Aŭstrio rilatas nur al la germana parto, oni tiam povus nomi la regnanojn *Aŭstroj*. (Komparu: *Bavaro, Bavario*.)

En Azio, la plimultaj landnomoj estas formeblaj per la sufikso *i*. (*Arabo, Arabio; Armeno, Armenio; Perso, Persio; Japano, Japanio*.) Oni jam rimarkigis, ke la radiko *Ĉin'* estus pli bona ol *Ĥin'*.

En Afriko, la plimultaj nomoj estas geografiaj, ne gentaj; oni do uzu la sufikson *-an*. Ekz.: *Maroko, Marokano; Alĝerio, Alĝeriano; Sud-Afriko, Sud-Afrikano;* k. t. p.) La procedon kun *-i* oni povas uzi por *Egipto, Egiptio; Abiseno, Abisenio*.

Fine, la amerikaj kaj oceaniaj landnomoj ne havas gentan karakteron. Oni do diru *Argentino, -ano; Brazilo, -ano; Meksiko, -ano*, k. t. p.

Al la Esperanta sistemo de landnomado oni eble riproĉos, ke ĝi bazas sur la ideo de gento, kiu, iam, pro la progresoj de internaciismo kaj kosmopolitismo, ne plu havos precizan rilaton kun la ideo de nacio. Tiel povos esti. Sed oni dume konstatu, ke ĝi ankoraŭ ludas tre grandan rolon en la homaj interrilatoj kaj ke ĝuste nun oni tendencas konstrui la nacion super la ideo de gento. Esperanto ne povas tute malatenti tiun fakton. Cetere, se iam la supre aludita eblaĵo realiĝus, oni povus ĝin esprimi en la internacia lingvo, uzante senescepte la sistemon kun la sufikso *-an* (ekz. *Rusiano*, anst. *Ruso*) aŭ, kiel proponis D-ro Zamenhof, elektante por la landoj neŭtrale-geografiajn nomojn.

Fine ni devas antaŭrespondi al la eble formulota kritiko, ke la sufikso *-i* por landnomoj, kvankam tre bona en si mem, ne devas esti uzata, ĉar ĝi ne troviĝas en la Fundamento. Ke ĝi ne troviĝas en la Fundamento, tion neniu povas nei, sed la sufiksoj *-aĉ, -ism* kaj amaso de novaj vortoj ne estas en la Fundamento kaj tamen estas ofte uzataj, ĉar ili respondas ĝeneralan bezonon. La Fundamento ne malpermesas la kreon de *novaj* sufiksoj, ne pli ol la kreon de novaj vortoj. Ĝi nur malpermesas, ke oni ŝanĝu la sencon de la ekzistantaj sufiksoj kaj vortoj, kaj faru rompon en la fundamentaj gramatikaj reguloj. Ni proponas ne la forigon de la sufikso *-uj*, kiu restu por la objektoj, sed nur ĝian uzon por nomi landojn. Cetere, la radikoj de la landnomoj tute ne troviĝas en la Fundamento, kaj ĝis kiam ekzistos oficiala listo oni rajtas ankoraŭ ŝanĝi la ĝis nun uzatajn vortojn.

[1] La angla lingvo pli ofte ol aliaj lingvoj uzas tiun sistemon. Ekz.: *Hungary, Hungarian; Roumania, Roumanian; Russia, Russian.*)

Malmulte konata estas la fakto, ke la sufikso *-i* por landnomoj *jam estas akceptita de la Lingva Komitato*. En la jaro 1910, estis elektata subkomitato pri propraj nomoj, kies raportinto estis S-ro G. Moch. La raporto de S-ro Moch, kiu traktis ne sole pri la landnomoj, sed pli ĝenerale pri la problemo de la propraj nomoj, proponis la enkondukon de sufikso *-io* anstataŭ *ujo*. El la 50 respondintaj komitatanoj, 37 akceptis la proponon de la raporto; 7 defendis la sufikson *-uj*, kaj 6 faris diversajn proponojn.[1] Ke malgraŭ tiel favora rekomendo la sufikso *-i* ne estis ankoraŭ uzata, estas klarigeble per la fakto, ke, pro malbona organizo la decidoj de la L. K. ne estis taŭge konigataj al la Esp. publiko kaj ankaŭ per tio, ke en la tiama epoko la enkonduko de ĉia novaĵo ŝajnis danĝera. Sed nun la situacio alie prezentiĝas, kaj ni opinias, ke komence de nova periodo ĉiu Esperantisto povas kun pura konscienco uzi la oportunan landsufikson *-i*, rekomenditan de la L. K., anstataŭ *-uj*, tiel ofte kritikita.

Ni publikigos en la proksima N-ro tabelon de la ĉefaj landnomoj, al kiu, ĝis la Esperantistaro alie decidos, de januaro 1919 konformiĝos nia gazeto.

[1] Vidu pri tiu demando la presitan raporton de la subkomitato pri propraj nomoj: *Pri la transskribo de la propraj nomoj* (Esp. Centra Oficejo, 1910).

# Niaj Mortintoj

**Heinrich Geiger,** unu el la plej malnovaj hungarlingvaj pioniroj de Esp. Li eldonis gazetojn, verkis poemojn kaj multe propagandis.

**Prof. D-ro Mourinho,** tre energia propagandisto en Brazilo.

**Antoni St. Reiner,** fervora kunbatalanto por nia afero en Galicio. Nian lingvon li perfekte posedis kaj en ĝi multe verkis.

**Erich Probst,** el Hamburg, mortis sur la batalkampo.

**J. S. Smith,** Del. de UEA, membro de la Esp. grupo de Warrington (Anglujo).

**Jean Zryd,** el Ĝenevo, komitatano de la grupo „La Stelo".

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*.
PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

BORGSTENA (Svedujo). — S-ro Fritz Linden, PI, L (kun ĉiuj landoj).

BUENOS AIRES (Argentino). — S-ro Josef Bayón, Banfield F. C. S., PI (vidaĵoj kaj panoramoj, kun ĉiuj landoj).

GENÈVE (Svisujo). — S-ino N. Oumansky, 4, rue Caroline (kun instruita kaj sperta Esp-isto).

KEMPTEN (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Max Schrank, Allg. R. 220, PI, L, PM (precipe kun fervojistoj).

LOCLE (Svisujo). — S-ro W. Matthey, 11, Crêt Vaillant, PI (prefere kun ekstereŭropaj samideanoj).

LYSS (Svisujo). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, PI, PM (prefere kun ekstereŭropanoj).

MAC KEESPORT (Usono, Pa.). — S-ro R. Sundvall, 416, Willow St., PI (kun ĉiuj landoj).

NEW YORK CITY (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2633, Creston Avenue, nur L (kun ĉiulandaj pensemuloj pri postmilitaj problemoj).

SCHEVENINGEN (Nederlando). — S-ro G. A. Kardol, 36, Stevinstraat, PI, (kun ĉiuj landoj).

TRONDHJEM (Norvegujo). — S-ro J. O. Naalsund, 4, Baahus gate, PM.

VENLO (Nederlando). — S-ro P. Pijpers, Stalberg 132, PI, PK, PM (kun ĉiuj landoj), PM bfl.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

FILATELISTOJ. — Al ĉiu persono, kiu sendos al mi per rekomendita letero 50—100 aŭ pli malsamajn poŝtmarkojn, mi sendos saman kvanton aŭ valoron en argentinaj kaj sudamerikaj poŝtmarkoj laŭ katalogo Ivert Tellier. Petro Gomez, 3924, Córdoba, Buenos Aires.

OKULTISMO. — Anaro Esperantista de la Societo de l' Hermetika Saĝo-Sinteza, religio-filozofio greka, ĥaldea, egipta. Por ĉiuj detaloj skribu al: Order of Ancient Wisdom, „Esperanto", 6, John Dalton Street, Manchester (Anglujo).

REPREZENTANTO kun tre bonaj rilatoj en la argentina komerco sin proponas por la maklero de ŝtrumpaj artikoloj, lanaj, kotonaj kaj silkaj ŝtofoj, celuloidaj artikoloj kiel pupoj, kombiloj k. t. p. Petro Gomez, 3924, Córdoba, Buenos Aires.

SUD-AFRIKAJ ESPERANTISTOJ, HELPU! — La patrino de Max Rohleder, maŝinisto, internigito N-ro 1439, en Tanga, German-Orienta Afriko, deziras informojn de aŭ pri sia filo. Oni skribu al C. O. de UEA.





PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO